# gaja haveno

Porto Alegre, RS, Brazilo | Aprilo 2017 | N-ro 35

## Kelklinie pri

**La unua numero** de Gaja Haveno estis lanĉita en Julio 1997 kaj en ĝi aperis i. a. intervjuo kun Miriam M.Z.M Silva Gomes kaj adresaro pri la naŭ (!) institucioj en Porto Alegre en kiuj oni aranĝis E-kursojn tiuepoke. La gazeteto cirkulis kun kelkaj interrompoj ĝis Decembro 2007. De nun oni revivigas ĝin. ●

**Kial oni elektis** Trump? Ĉar granda parto de la usonaj civitanoj (almenaŭ de tiuj, kiuj voĉdonis en la balotoj) volis ŝanĝi la nunan ekonomion kaj politikan sistemojn. Ili ne nepre ŝatis Trump, sed ne havis alternativon. La decido estis inter la samo (Clinton) aŭ io nova (Trump). Verŝajne, se inter la elektebloj estintus alia kandidato perceptita kiel ŝanĝo (Sanders), la rezulto estintus malsama. (el Monato jan/17) ●

**En la majesta** Palaco de Versajlo, dekreto en 1715 de Luizo la 14a determis, ke la fekaĵoj estu reprenitaj en la koridoroj de la palaco almenaŭ unufoje monate. ●

**En la pasinteco** sennudiĝi kaj tuŝi al si mem dum la bano estis konsiderataj malkonvenaj agoj por la kristana moralo. Tiele ekz. grandparte de mezepokaj monaĥejoj oni baniĝis du, tri fojojn maksimume dum la jaro kaj eĉ tio pro la realiĝo de kelkaj religiaj festoj kiel Pasko kaj Kristknasko. ●



**Romo 1981**. Intervjuo de Jorge Luis Borges, la fama argentina verkisto, al grupo de ĵurnalistoj. Lasta demando. Al kio li atribuas la fakton, ke li ankoraŭ ne sukcesis gajni la Nobelpremion pri Literaturo. "Al la sveda saĝo", li respondis. ●

**La Internacia Centro** de Esploro pri Kancero (ICEK), klasifikis la altfrekvencajn elektomagnetajn kampojn (telefono, radio-ligiloj, Wi-Fi aŭ Bluetooth) en la kategorio "eble kanceriga por homo". Tiu klasigo kondukas nin serioze kaj zorge observi la asociiĝon inter la uzo de poŝtelefonoj kaj la kancera risko. (eo.mondediplo.com) ●

**Oni antaŭvidas**, ke en la venontaj jaroj kelkaj kompanioj komencos vendi memstirajn/aŭtonomajn veturilojn. La plej grava fakto, kiun oni reklamas rilate al memstiraj veturiloj, estas, ke ili verŝajne estos pli sekuraj ol veturiloj stirataj de homo. Iuj pensas, tamen, ke ĉi tiu ideo estas freneza. Kiel 18-rada memstira kamiono povus esti pli sekura ol homstirata ŝarĝaŭto? (*Monato* – mar/17) ●

## Matilda






**Inter la diversaj** spiritaj simboloj de la antikva kelta civilizo, la spiralo estis unu el tiuj kiuj elstariĝis. Ĝi i.a. reprezentis la naskiĝon, kreskon kaj ekspansion de la konscienco aŭ simple la senmortecon. ●

gaja haveno

Sendependa
Esperantogazeteto
Kreita en Julio 1997
Redaktas
César Dorneles Soares
Porto Alegre, RS, Brazilo
dornelespoa@gmail.com

# La heliko divers-lingve



Bulgara - *simiovosto* aŭ *simieto*
Ĉina - *muso*
Dana - *elefantnazego*
Franca - *heliko*
Germana - *simiovosto* aŭ *simieto*
Greka - *anaseto*
Hebrea - *strudelo*
Hungara - *tervermo* aŭ *larvo*
Indoneza - *simiovosto* aŭ *simieto*
Itala - *heliko*
Korea - *marheliko*
Finna - *katvosto*
Kazaĥa - *lunorelo* (malkreskanta) aŭ *hundovizaĝo*
Norvega - *rokambolo*
Pola - *simiovosto aŭ simieto*
Rusa – *hundeto* ●

> Fonto:
Revuo *Superinteressante*

# Prilingve

**▶Turni - sin turni - turniĝi**

"Turni ŝlosilon en la seruro"
"Turnu la kapon dekstren"
"Li turnas al li sian dorson" (Z)

"Ŝi turnis sin al Marta" (Z)
"Mi turnas min al vi kun peto" (Z)
"Tie la karavano turnis sin al la sudo."

"Tero turniĝas ĉirkaŭ sia akso."
"La radoj rapide turniĝis."
"Li mortis kaj turniĝis en polvon." ●

> Frazekzemploj el PIV

*Per flugiloj de facila vento flugu la sonoj de mia lingvo, malligu la langojn, malŝtopu la orelojn de tiuj, kiujn ĝis nun dividas nekompreno. Tiu estas nia celo. Por tio ni laboras.*



> Lidja Zamenhof
(1904-1942)

**www.facebook.com/groups/esperanto.portoalegre/**

# Lingvo-lernoj

Komence de mia adoleskantaĝo mi volis esti instruisto pri historio aŭ geografio. Poste mi eniris en fakultaton pri Beletro por studi la anglan kun la celo fariĝi instruisto pri ĝi. La lingvistika studado alproksimigis min al la ideo esti instruisto de la portugala, kio fine estis mia elekto. La konatiĝo al Esperanto en 1980 (kiam mi estis studanta la hispanan) ankaŭ influis en la senco, ke mi perdis grandparte de la intereso pri la angla. Nuntempe, jam emeritiĝinta, mi okupiĝas pri ellerno de la itala, kiun mi persone konsideras la plej belsona lingvo en la mondo. Por ne ĉagreneti kelkajn esperantistojn pli sentemajn, mi diru, ke aliflanke mi konsideras Esperanton la plej bela lingvo laŭ strukturo. ●

> César Dorneles Soares

# Onidire

Originala verkisto ne estas tiu kiu imitas neniun, sed tiu kiun neniu sukcesas imiti. (Chateaubriand)

Barbaroj! Ideojn oni ne mortigas! (Sarmiento)

La ideoj: oni vivu ilin. (André Malraux)

Du ekscesoj: ekskludi la racion kaj nur agnoski la racion. (Pascal) ●